50a Jaro — N-ro 5 — Septembro Octobro 1958a

# BELGA ESPERANTISTO



Oficiala dumonata Organo de

REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Asocio sen profita celo,

aliĝinta al UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Redaktoro-Administranto :
la Prezidanto de R.B.L.E. :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

Fondita en 1908a
★
Abonprezo : Fr. 100,-

## RÊGA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Prezidanto: S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.
Vicprezidanto-Kasisto: S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.
Vicprezidantino: S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Sielens, "Internacia Marista Domo"
Falconrui, 21, Antverpeno.
(Poŝtĉeknumero: R. B. L. E.: 13.37.67)





Drukk. DE BAENE, Delaplacestr., 3, St.-Kruis

# Nia 43a U.K. en la Ora Mainz

Laŭ vere Kongresa vidpunkto, nia 43a Universala Kongreso en la Ora Mainz certe estas unu el la plej bone sukcesinta, en la longa serio de niaj internaciaj renkontiĝoj.

Ni ne kaŝu ke la fakto ke la Ĉefurbestro, la cetere tiel simpatia kaj vigla S-ro Franz Stein estis la prezidanto de la L.K.K. multon plifaciligis kaj multon permesis realigi, kio povus ŝajni malfacila en aliaj urboj kaj landoj.

Alia faktoro de tiu sukceso estas ke vere ĉio, — krom la teatra prezentado —, povis okazi en unu sama ejaro, la Palaco de la Elektantaj Princoj, kiu estas la plej bela kadro, kiun oni povas imagi kaj esperi por tia kongreso.

Kaj tria faktoro estas certe ankaŭ, ke Mainz ne estas tre granda urbo kaj ankoraŭ, — ni ja kun bedaŭro povis tion konstati —, nur plej malgrandparte restariĝinta el siaj ruinoj.




**Okaze de la Kongreso, la Ĉefurbestro S-ro Franz Stein afiŝigis proklamon en Esperanto kaj en germana lingvo kaj ĝin atente legas la du Ligaj Prezidantedzinoj S-inoj M. Jaumotte kaj G. Debrouwere, je ambaŭ flankoj de la kolono, kaj G-roj H. Vermuyten, tute maldekstre kaj dekstre.**

Pro tio ĉio, la kongresanaro fakte, je neniu momento, dissemiĝis, sed kontraŭe daŭre estis kaj restis en la tuja proksimeco de tiu plej taŭga kastelo ; en la akceptejo, en la multnombraj salonoj, en la bela kaj bona restoracio, en la parketo, kiu ĉirkaŭas la Palacon.

Pro tio ankaŭ, la salonoj por preskaŭ ĉiuj aranĝoj estis plenplenaj kaj ne multnombraj estis tiuj, al kiuj oni devis rifuzi la eniron pro malfruiĝo.

Malfruiĝo efektive preskaŭ estis neebla . . . Sufiĉis supreniri aŭ malsupreniri iun ŝtuparon al la amaso, kiu tamen, jam antaŭ la komenchoro, kolektiĝis en la ĉirkaŭaĵo.

Pri la aranĝoj mem, ni kredas ke la plimulto el la partoprenintoj estas kontenta. La efektiva esperantistaro en Mainz, antaŭ la Kongreso, certe ne estis multnombra . . . Kaj la kelkaj efektivaj esperantistoj devis sin helpigi de kunlaborantoj, ĉu eksteraj al nia movado, ĉu eksteraj al la urbo . . . Malgraŭ tio, ĉio ŝajnis glate funkcii, krom kelkaj neeviteblaj malagrablaĵoj, kiuj trafis kaj ĉagrenigis individue kelkajn kongresanojn.

La diversaj ekskursoj, per dancvagonaro al Heidelberg, per ŝipo sur la Rejno kaj per aŭtoĉaroj al Frankfurt, ĉiuj tri bonege sukcesis... danke ankaŭ al la bela vetero, kiun ni preskaŭ daŭre ĝuis ; se ni esceptas la uraganan pluvegon de la unua vespero kaj du aŭ tri noktajn akvofalojn.

La oficiala raportintino pri la Teatra Prezentado, Marjorie Boulton skribis ke, — ĉar ŝi malfruiĝis kaj trovis lokon nur tute apude de la plafono de la teatro —, ŝi preskaŭ ĉion komprenis, kion diris la aktoroj... Ni estas feliĉaj ke almenaŭ iuj en la salonego ion komprenis... Sed ni, — eĉ se ni ne deziras kritiki —, povas nur konstati ke neniu, kiu ne estis en tiuj altaj sferoj, komprenis nur unu vorton .. Almenaŭ ne dum la unua prezentado.

Kiam oni plue scias ke temis pri " La Reaperintoj " de Ibsen . . .



## TEATRO KAJ UNIVERSALAJ KONGRESOJ

En la Kongreslibro de Mainz aperis ne-kompleta listo de la teatraĵoj, luditaj dum niaj Universalaj Kongresoj. Ni kompletigis ĝin laŭeble :

| | | |
|---|---|---|
| 1a 1905 Boulogne-sur-Mer | « Edziĝo kontraŭvola » | Molière |
| | « Mensogo pro Amo » | |
| 2a 1906 Genevo | « La Floro de l'Pasinto » | E. de Amicis |
| | « Agrabla Surprizo » | W. Frerking |
| 3a 1907 Cambridge | « Boks kaj Koks » | Morton |
| | « Bardell kontraŭ Picwick » | |
| 4a 1908 Dresden | « Iphigenio » | W. von Goethe |
| | « La Malfeliĉuloj » | Kotzebuo |
| | « Tie-ĉi oni parolas Esperante » | Williams |
| 5a 1909 Barcelona | « Mistero de Doloro » | Gual |
| 6a 1910 Washington | « Kiel plaĉas al vi » | Shakespeare |
| 7a 1911 Antverpeno | « Kaatje » | Paul Spaak |
| | « Devo de Reĝo » | Nestor de Tière |
| | « Por kvietaj Personoj » | van Driessche |
| | « Revuo de la Sepa » | Jan |
| 8a 1912 Krakow | « Mazeppa » | Slovacke |
| | « La Urso » | Ĉehov |
| | « Opera Halka » | Moniuszko |
| 9a 1913 Bern | « Ginevra » | Edm. Privat |
| | « La Patreco » | |
| 11a 1915 San Franc. | « Perfekta kuiristino » | |
| 12a 1920 Den Haag | « Juĝo-kunsido kaj Muzikvespero en 1813 » | |
| 13a 1921 Praha | « Nokto en Karluv Tyn » | |
| 15a 1923 Nürnberg | « Natan la Saĝulo » | Lessing |
| 16a 1924 Vieno | « La Malŝparulo » | Raimund |
| 17a 1925 Genevo | « Ginevra » | Edm. Privat |
| 20a 1928 Antverpeno | « Hamleto » | Shakespeare |
| 22a 1930 Oxford | « La Onklino de Karlo » | Brand. Thomas |
| 24a 1932 Parizo | « D-ro Knock » | Jules Romains |
| 28a 1936 Vieno | « La Blanka Ĉevalo » (opereto) | Benatzky |
| 35a 1950 Parizo | « Angla Lingvo sen Profesoro » | Trist. Bernard |
| | « Nokto de la Viroj » | |
| 40a 1955 Bologna | « La Revizoro » | Nik. Gogol |
| 41a 1956 Kopenhago | « La Vivo estas bela » | Leck Fischer |
| | « Ruĝa kaj Griza » | Soya |
| | « La Kverelbirdo » | |
| 42a 1957 Marseille | « Georgo Dandin » | Molière |
| 43a 1958 Mainz | « Reaperintoj » | Ibsen |

neniu miros kiam ni diras ke, post la paŭzo, kelkdekoj jam forlasis la teatron . . . kaj ke, por multaj aliaj, ŝajnis efektive liberigo, kiam la ludo finiĝis. Elirante, multaj plendis ankaŭ pri la elekto de la teatraĵo mem . . . Ĉu nenio pli gaja estas trovebla en la repartuaro ?

Al tio ni volas respondi, ke, en 1928, okaze de la XXa U.K., en Antverpeno estis ludata " Hamleto " de Shakespeare, en la bela traduko de la Majstro. — prezentado cetere forgesita en la listo de la teatraĵoj luditaj dum U.K.'oj —, kaj ke neniu tiutempe plendis pro tio . . . Kaj tamen " Hamleto " ankaŭ ne apartenas al la gaja repertuaro . . .

Sed tiam la kvardek aktoroj kaj helpantoj estis efektivaj artistoj apartenantaj al la trupo de la Reĝa Flandra Teatro de Antverpeno, la nuna K.N.S.-Nacia Teatro flandralingva, kaj kiuj ĉiutage staras en grandaj salonoj antaŭ multnombra publiko ; kiuj ne nur konas

plene la arton aktori sed ankaŭ la nepran necesecon aŭdigi sian voĉon ĝis en la plej malproksimaj anguloj . . . eĉ kiam, laŭintence, ili devas flustri !

La fakto ke niaj artistoj en Mainz, sub la gvidado de Flego, ne formis efektivan kunlaborantaron, sed, parte profesiuloj, venis el diversaj landoj kaj nur lastmomente povis organizi efektivan ekipan laboron, certe ne plifaciligis ilian taskon.

Ni do nė pesimisme priĵuĝu ilin . . . Ili faris certe meritplenan klopodon por alporti decan prezentadon kaj, se ili ne plene sukcesis, ni prefere kulpigu pli multe la cirkonstancojn, ol la aktorojn.

Dum la inaŭgura salono, du Belgoj havis la okazon saluti la Kongreson : unue, S-ro Maur. Jaumotte, kiel reprezentanto de la belga ministro por Publika Instruado, kaj due, S-ro G. Debrouwere, nome de Flandra kaj de Reĝa Belga Ligoj.

S-ro Debrouwere estis varme aplaŭdata pro lia vere bona prezentata saluto kaj S-ro Jaumotte eĉ diversfoje interrompata per aplaŭdoj, kiam li, — tuj post aŭstra oficiala delegito kiu parolis germane, — kiel unua registara delegito parolis esperantlingve kaj, nome de la Ministro, jam deziris koran bonvenon al tiuj, kiuj en la lasta tago de la Kongreso vojaĝos Bruselen por viziti la Ekspozicion, kaj, — ankaŭ en la nomo de la Urbestro de Bruselo —, jam oficiale invitis al la 45a Universala Kongreso, okazonta, — post la 44a Jubilea Kongreso en Varsovio —, en la belga ĉefurbo, en 1960.

Ni ne volas detale priparoli la diversajn aranĝojn, ĉar raportoj pri ili aperos en " Heroldo de Esperanto " kaj en la revuo de U.E.A. mem.

Por konkludi kaj klare evidentigi ke la esperantistoj ne estas vinagremuloj, ni tamen volas citi ke laŭ " Heroldo ", dum la laŭprograme oficiala, sed efektive tute ne oficiala urba Akcepto en la parketo de la Kastelo, la kunigitaj kongresanoj trinkis mil sep cent litrojn da bona Rejna vino . . .

Ĉar certe ne ĉiuj kongresanoj ĉeestis, ŝajnas ke ni povas konkludi ke fakte preskaŭ unu litron malaperigis ĉiu el la gajuloj, tie ĉeestintoj!

Ne mirige do estas, en tiaj cirkonstancoj, ke multaj kantis je la gloro de la donacinto, la Ĉefurbestra Moŝto S-ro Franz Stein, al kiu ni direktas, nė pro tiu ĉi donaco, sed pro ĉio efektiviĝita dank'al lia kunlaboro kaj helpo, koregan dankon, kun peto dividi ĝin inter ĉiuj la kunlaborintoj, L.K.K.-anoj kaj simplaj nekonataj helpintoj.

La 43a en Mainz havis belan vivon . . . Ĝi nun mortis . . . Sed vivu jam la 44a en la pola ĉefurbo Varsovio, dum la jubilea jaro 1959 !

M. J.



## LA POSTKONGRESANOJ EL MAINZ VIZITIS LA EKSPOZICION.

Kiel ni jam skribis, la L.K.K. de la U.K. en Mainz organizis du postkongresajn ekskursojn, unu al Tirolo kaj unu al Bruselo, por viziti la Universalan Ekspozicion.

La 50 partoprenintoj al tiu ĉi postkongresa vojaĝo foriris el Mainz jam la sabaton 9an de aŭgusto matene, antaŭ la ferma kunsido de la Kongreso.

S-ro Maur. Jaumotte ĉeestis kaj salutis la forirontojn jam en la halo de la stacidomo de Mainz. Li prezentis al la vojaĝontoj la gvidantinon, la simpatian L.K.K.-aninon S-inon Erna Gauck, estrinon de la ekskursa fako : kondukis ĉiujn al ilia vagono speciale rezervita . . . Kaj en la plej bona atmosfero komenciĝis tiu ĉi vojaĝo.

Ĉe sia alveno en la Norda Stacidomo posttagmeze de la sama tago, la ekskursantoj estis salutataj de S-ino Julia Plyson, vicprezidantino de Reĝa Belga Ligo Esperantista, de S-ro R. Jacobs, prezidanto de la Reĝa Esperantista Brusela Grupo kaj de diversaj membroj de tiu ĉi grupo.

Ties sekretariino F-ino R. Huysmans akompanis la grupon en la aŭtoĉaro, kiu entreprenis la viziton de la urbo, kaj donis klarigojn.

La postan tagon, matene, tuta aro da bonvolemaj gvidantoj atendis la Postkongresanojn en la Ekspozicio. Krom delegacio el Bruselo, estis grava grupo el Antverpeno, ankaŭ el Bruĝo kaj Mehleno.

Estas kompreneble tre malfacile gvidi grupon en kaj tra la Ekspozicio : oni do devis dividi la laboron kaj pro tio la atmosfero de komuna vizitado perdiĝis . . . Tamen ĉiuj havis kondukanton.

Ankaŭ la sekvontan tagon, kiam malgraŭ la fakto ke la lundo estas ordinara labortago, kelkaj belgaj samideanoj tamen denove ekdeĵoris kaj ankoraŭ akompanis la vizitantojn.

Ni do povas esperi ke la partoprenintoj al la Postkongresa Vojaĝo estis kontentaj pri la klopodoj faritaj de la belgaj samideanoj, malgraŭ la fakto ke ĉiuj oficialaj aranĝoj de tiu vojaĝo estis ja faritaj, ne de la belga movado, sed de la L.K.K. en Mainz.

Eble ke, post du jaroj, postkongresa vojaĝo el Bruselo iros en kontraŭa direkto, al la Rejno kaj povos atingi Mainz, pri kiu multaj havas plej bonan rememoron.



**EKSPO 1958**

Eksponento de la homa scio,
(ne de alilingva sciepovo)
montras sin en Ekspo ĉia novo
krom babela homkakofonio.
Multlingveco ĉe akceptantinoj,
zorge eksportataj de la landoj,
sed ŝtatistoj eĉ - per duraj plandoj
tretas lingvojn fremdajn je ruinoj.
Barbaraĵo tia toleriĝas
de la ĉefgvidantoj en la mondo!
Ĉu vi vidis vagi en la rondo
Esperanto kiu koleriĝas?

Tyneverum.

## La Internacia Premio de la Belga Perioda Gazetaro

Niaj legantoj memoros ke, laŭ propono de ĝia Prezidanto S-ro A. Desguin, la Administrantaro de la Asocio de Belgaj kaj Eksterlandaj Periodaj Ĵurnalistoj decidis la kreon de "Internacia Premio de la Perioda Gazetaro".

Tiu ĉi premio valoras dek mil belgajn frankojn kaj volas rekompenci, unuafoje en tiu ĉi jaro, la aŭtoron de la plej bona artikolo, aperinta en la perioda gazetaro kaj kiu, iamaniere, pritemas la Ekspozicion Universalan kaj Internacian de Bruselo 1958.

La tekstoj, kiuj enhavu maksimume du mil vortojn, povis esti aperintaj en franca, nederlanda, germana, angla, hispana kaj itala lingvo. Sed krome, kaj laŭ propono de S-ro G.M. Matthijs, sekretario de la Asocio, ankaŭ nia lingvo ESPERANTO estis akceptata pro la konsidero ke ĝi estas ankaŭ uzata de la Ĝenerala Komitato de la Belga Registraro de la Ekspozicio.

La ensendoj devige devis alveni antaŭ la 30a de junio pasinta.

El letero de S-ro Matthijs ni ekscias ke 27 ensendaĵoj alvenis al la sekretariejo . . . INTER ILI KVIN ESTAS REDAKTITAJ EN ESPERANTO!

Tio certe estas UNIKA fakto: En internacia konkurso, kiu temas pri artikoloj aperintaj en diverslingvaj revuoj aŭ ĵurnaloj: preskaŭ unu kvinono en nia lingvo!

* *
*

Komuna kunsido de la ĵugantoj, inter kiuj estas, speciale por nia lingvo S-ro Maurice Jaumotte, prezidinto de la Asocio de la Belga Ĵurnalistaro (Sekcio Antverpeno-Limburgo), jam okazis.

La sekretario S-ro Matthijs komunikis ke li ricevis 27 ensendaĵojn: 13 en franca lingvo; 6 en Esperanto; 4 en nederlanda-flandra; 2 en germana-aŭstra; 1 en hispana-meksika kaj 1 en sveda lingvoj.

La ĵuĝantaro unuanime decidis ne akcepti la svedan ensendaĵon, ĉar la lingvo sveda ne estas menciita en la regularo; ankaŭ ne du francajn, kiuj alvenis tro malfrue, kaj unu esperantan, ĉar temas pri artikolo ne jam aperinta.

Restis do 23 validaj ensendaĵoj: 11 en franca, 5 en Esperanto, 4 en nederlanda, 2 en germana kaj 1 en hispana lingvoj. La diversaj ĵuĝantoj kunprenis ĉiu parton el la artikoloj por unua enrigardo kaj juĝo kaj rekunvenos por la daŭrigo de la priparolado.

Ĉar la premio, laŭ la regularo, devas esti transdonata antaŭ la fermiĝo de la Ekspozicio, do antaŭ la 19a de oktobro, ni havos la okazon komuniki la rezultaton, tute certe, en nia sekvonta numero.

Sed, — kiu ajn estos tiu ĉi rezultato, — ni povas diri ke ĉiuj ĵuĝantoj . . . krom unu . . . estis mirigitaj pro la nombro de esperantaj pri nia lingvo kaj ĝia evoluo al la nura kompetentulo en la ĵuĝantaro.

Je tiu ĉi vidpunkto, jam certe, ni akiris evidentan sukceson!



# Zamenhofa Jaro

**Unu fojon en cent jaroj — Unu milonon de la jara enspezo!**

La preparlaboroj por la grandaj festoj okaze de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de D-ro L. L. Zamenhof bone progresas laŭ la provizora plano. Estas jam formita **Internacia Organiza Komitato** (IOK), en kiun eniris elstaraj kaj konataj esperantistoj de diversaj landoj. Formiĝas ankaŭ la **Internacia Patrona Komitato**, en kiun eniros eminentaj personoj de diversaj landoj: ĉefministroj kaj ministroj, konataj verkistoj kaj artistoj, grandaj sciencistoj kun plej altaj kvalifikoj. Dum la kongreso en Mainz okazis kunsido de IOK, kiu fiksis la definitivan planon por la festoj en la Jubilea Jaro.

Post la publikigo de la provizora plano alvenis ankaŭ tre granda nombro da pliaj proponoj, sugestoj, konsiloj. Ilia nombro estas tiel granda, ke estis maleble respondi al ĉiu unuope. La proponoj estis atente studataj kaj ĉio utila kaj realigebla estos efektivigita.

En ligo kun tiu inundo de proponoj kaj sugestoj, la definitiva komitato starigita en Mainz volas atentigi, ke ne sufiĉas nur fari proponon, sed necesas ankaŭ indiki kiu plenumos ĝin kaj per kiuj rimedoj, precipe kiam temas pri "grandiozaj" proponoj, kies realigo kostus milojn da pundoj!

Malpli abunde ol la proponoj kaj sugestoj — multe malpli — ensendaĵoj . . . Kaj tiu miro ekmontriĝis per multaj demandoj, faritaj alvenis kontribuaĵoj por la Fondaĵo-Zamenhof. Kelkaj sindonaj esperantistoj, jam sendis sian financan helpon. Dank' al ili kolektiĝis ĝis nun la sumo de proks 4.500 guldenoj. Tamen, se la kontribuoj alvenados ankaŭ en la estonteco same malrapide, kiel ĝis nun, malmulto el la provizora plano estos realigebla, eĉ por ne paroli pri la novaj proponoj, alvenintaj de diversaj flankoj. Kvankam novaj ideoj estas tre

## INAŬGURO DE ZAMENHOF-MONUMENTO EN VIENO.

Jus antaŭ la U.K. en Mainz, la 27an de julio, okazis en Vieno grava ceremonio, tiu de la inaŭguro de Zamenhof-monumento. kvadratforma koloneto kun la busto de nia Majstro, en bela loko, sur Börseplatz, en la centro mem de Vieno.

La ceremonion ĉeestis multaj vienaj kaj aŭstraj samideanoj kaj ankaŭ la membroj de la I.K.U.E.-kongreso, kiu estis okazanta en Vieno, entute ĉirkaŭ 300 personoj.

La iniciatinto de la monumento S-ro Hugo Steiner, direktoro de la Internacia Esperanto-Muzeo, esprimis sian dankon al ĉiuj, kiuj ebligis la starigon de tiu ĉi monumento. Post li, parolis ankoraŭ multaj eminentuloj kaj la ceremonio finiĝis per kantado de Esperanto-himno al D-ro Zamenhof.

Okaze de la inaŭguro, funkciis speciala poŝtoficejo, kiu uzis stampilon kun la busto de Zamenhof kaj kun Esperanto-teskto.

---

bovenaj, tamen da ideoj ni havas sufiĉe, sed da financaj rimedoj tro malmulte. Sekve, en la nuna momento estas necese unuavice krei imponan Fondaĵon-Zamenhof.

Ĉiu esperantisto en la mondo, eĉ tiu kun la plej modestaj enspezoj, devus kontribui almenaŭ iom al la Fondaĵo-Zamenhof, kiu prezentas la materian bazon de la festoj. Ne estas necesaj grandaj sumoj — kvankam la pli bonstataj esperantistoj certe povos fari pli grandan oferon — **sed estas necese, ke absolute ĉiuj kontribuu por tiu celo.** La vorto " imposto " estas iom malsimpatia en ĉiuj landoj. Eble la vortoj " libervola imposto " sonas pli alloge. Ĉu ĉiu esperantisto kaj esperantistino ne povus **unu fojon en cent jaroj oferi unu milonon (ne milionon, sed milonon) de sia jara enspezo kiel sian kontribuon, minimuman, al la Fondaĵo-Zamenhof ?** Ni estas certaj, ke ne ekzistas tiel malriĉa persono, kiu ne povus fari tiun oferon. Se la leganto aŭ legantino konsentas, li aŭ ŝi agu jene :

1. Tuj mem kontribuu unu milonon de sia jara enspezo al la Fondaĵo-Zamenhof ;
2. informu la lokan grupon kaj siajn geamikojn pri la Jubilea Jaro kaj tuj kolektu donacojn por la Fondaĵo-Zamenhof laŭ la prezentita principo ;
3. la kolektitajn sumojn **oni bonvolu sendi aŭ rekte al la Centra Oficejo de U.E.A., Eendrachtsweg 7, Rotterdam C., aŭ al la ĉefdelegitoj kaj perantoj de U.E.A. en diversaj landoj kun klara mencio " Por la Fondaĵo-Zamenhof ".**

La nomoj de ĉiuj kontribuintoj aperos en la revuo de U.E.A. La utiligo de la Fondaĵo-Zamenhof estos farita laŭ la decidoj de la IOK. Ĉiuj elspezoj kaj enspezoj estos kontrolitaj laŭ la Statuto de U.E.A.

Ne atendu la morgaŭan tagon, sed ekagu tuj. Ne transĵetu la laboron sur la aliajn, sed faru mem vian eblon. Konsciu, ke vi ne estas izolita, sed ke multaj samcelanoj agas sammaniere en la tuta mondo. Helpu jam nun, ke la festoj en la Jubilea Jaro estu vere imponaj kaj dignaj de la grandeco de la verko de D-ro Zamenhof !

Jen estas la urĝa alvoko de la IOK starigita en Mainz.



# BELGA KRONIKO

**Prezidanto : S-ro Maur. JAUMOTTE, De Bruynlaan, 44, Wilrijk.**
**Vicprezidanto-Kasisto : S-ro J. Soyeur, 91, Rue du Chêne, Seraing.**
**Vicprezidantino : S-ino J. Plyson, 185, rue Jourdan, Bruselo.**
**Ĝenerala Sekretario : S-ro H. Sielens, « Internacia Marista Domo », Falconrui, 21, Antverpeno.**
(Poŝtĉeknumero : R.B.L.E. : 13.37.67)

ANTVERPENO
**Esperanto-Grupo « La Verda Selo »**
(Poŝtĉeknumero : 726.54)

Lundon, la 30an de junio, en la kadro de pli efika intergrupa kunlaboro, la teatra sekcio de la grupo iris al Bruselo por prezenti kabaretan vesperon en la kunvenejo de la Brusela grupo, okaze de solena diplomdisdono. Pri tiu ĉi bela festo jam aperis raporto publikigita en la antaŭa numero sub la Brusela programo.

La 4an de julio, S-ro Cl. Piron, oficisto-interpretisto de la U.N.O.-administracio en Nov-Jorko, paroladis pri siaj impresoj de Usono kaj precipe pri la jam citita mondurbo. Kvankam en la grupo jam kvin paroladoj okazis pri la sama temo, oni denove konstatis ke tamen sesa paroladisto kapablis interesigi la publikon per siaj travivaĵoj kaj ŝercema kritiko. Flua elparolo de la lingvo kaj sprita, vivoplena stilo multe helpis al la ĝuado de la parolado. S-ro Maur. Jaumotte dankis post varma aplaŭdo de la ĉeestantoj.

La 11an, S-ro R. Van Eynde prezentis ses dokumentajn filmojn inter kiuj unu kun Esperanta teksto varme aplaŭdataj de la vidantaro.

La 18an dum bela vetero S-ro E. Paesmans gvidis dudekon da grupanoj tra malnova kvartalo de Antverpeno kaj montris diversajn pentrindajn angulojn pri kiuj eĉ « pursangaj » antverpenanoj ne konis la ekzistadon. En tiu senco ankaŭ dankis S-ro J. Verstraeten dum lasta agrabla kunesto en « Rockoxkelder ».

La 25an, radiofona teatraĵo « Geedziĝopeto » estis aŭdigata. F-ino E. Van der Weken tradukis ĝin laŭ flandra temo havigata de S-ro L. Van Bulck. Ŝi ankaŭ verkis la enkondukon, kiun S-ro E. Paesmans aŭdigis. Vivoplene interpretis la diversajn rolojn : F-ino Cl. Peeters, S-roj P. Flament (speciale menciinda) kaj J. Verstraeten. Kiel kutime S-ro J. Montmirail prizorgis la aparatojn kaj la sondekoron.

La 1an de aŭgusto, anstataŭ la parolado de S-ro R. Balleux pri « Hispanujo » (prokrastata ĝis la 3a de oktobro) S-ro J. Verstraeten paroladis pri « La aplikoj de la vitro » kaj vekis varman aplaŭdon dum S-ro R. Balleux lin dankis.

La 8an, oni daŭrigis la rubrikon « Tra la Mondo ». Temis pri « Francujo » kaj tiuj kiuj dum la antaŭa fojo ne havis la eblecon prezenti sian tekston, nun aŭdigis ĝin. S-ro J. Montmirail parolis pri la eltrovo kaj la fabrikado de la ĉampanvino. S-ro A. Verhoeven pritraktis la faman pelgrimejon « Lourdes » kaj S-ro R. Balleux klarigis kelkajn aspektojn de « Parizo ». La paroladetoj estis ilustrataj per pluraj lumbildoj.

La 15an pro antverpena kermeso kaj libertempo ne okazis kunveno.

La 22an, la raportoj pri la 43a Universala Esperanto-Kongreso en Mainz estis prezentataj de S-ino L. Bernaerts, S-ro H. Vermuyten kaj plej grandparte de la Prezidanto S-ro Maur. Jaumotte. La ĉefaj impresoj estis : ke organizo de U.E.K. estis kaj restos grandega, tutjara laboro ; ke oni devas trovi por la estonta U.E.K. en Bruselo en 1960, minimume 40 personojn, kiuj streĉe laboros dum tuta jaro ; ke la Kongreso en Mainz bone sukcesis kaj ke la flua parolkapableco de Esperanto multe kreskis dum la lastaj dek jaroj.

**Programo de la venontaj kunsidoj:**
Ĉiuvendrede en « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 je la 20,15a h. (la etaĝo).
**Septembro** : La 5an: Parolata ĵurnalo; la 12an: Parolado kun Lumbildoj de angla s-ano S-ro Leos Horsky pri « Rembrandt »; LUNDON, la 15an ELEMENTA KURSO en Belgielei, 99 je la 20a h.; la 19an: Tra la Mondo, 4a serio « Svisujo »; la 26an: Kabareta Vespero.
**Oktobro** : La 3an: Parolado kun lumbildoj de S-ro R. Balleux pri « Hispanujo »; la 10an: Distra vespero de F-inoj H. kaj M. Hofkens; la 17an: Parolado kun lumbildoj pri « Jugoslavujo » de S-ro J. Jacobs.

* *

**Geedziĝo**
La 20an de julio, geedziĝis en la komunumo Deurne, du fidelaj gemembroj de la Grupo, F-ino Mariette Cools kaj S-ro Luc de Marré, licenciato, profesoro de la grupo kaj membro de la komitato.
La prezidanto S-ro Maur. Jaumotte, ĉe le eliro de la preĝejo, gratulis tutkore la junajn geedzojn, dum la fraŭlinetoj Montmirail transdonis belajn florojn, nome de la Grupo.




ESPERANTISTOJ ĜUAS RABATON.



Diversaj membroj ĉeestis la akcepton, kiu tuj poste sekvis.
Ni rediras al ambaŭ geamikoj niajn plej sincerajn bondezirojn.

**Naskiĝo**
Naskiĝo de eta Lode, ĉe G-roj J. Vinck-Ameryckx, feliĉigis tutan familion de esperantistoj kaj gemembroj de « La Verda Stelo » al kiuj ĉiuj kune kaj ĉiuj individue, ni prezentas niajn plej korajn bondezirojn.

BRUĜO
**Bruĝa Grupo Esperantista**
(Poŝtĉekkonto n° 4835.33)
Dum la kunveno de la 24a de junio, post la oficialaj komunikaĵoj, Sro. R. Behaeghel gvidis interesan konkurson sub titolo : Tri estas tri.
La 1an de julio estis priparolataj libertempaj proponoj. La 8an de julio, S-ino S. Verbeke gvidis la grupanojn tra la salonoj de la urba pentraĵa muzeo, kie ŝi plej kompetente komentariis la lumigatajn ĉefverkojn de la « Primitivoj ». La ĉeestantoj poste ankaŭ vizitis en la sama muzeo la ekspozicion de la Flandraj pentraĵoj en Hispana posedo.
La 15an, Sro. R. Lagast antaŭlegis el « Polaj Rozoj » kelkajn poeziojn, realistajn versojn. Post tio okazis, sub gvidado de Sro. Behaeghel, plia konkursludo: « Gusta aŭ malgusta ».
La 22an, okazis por la unua fojo kunveno en salono de la kafejo « Belle Vue », Granda Placo. Pro la libertempo ĝi havis intiman karakteron.
La kunveno de la 29a okazis en la sama provizora ejo kaj estis dediĉata al legado de B.E.
La 5an de aŭgusto ne estis antaŭvidata oficiala kunveno, sed tamen kelkaj gemembroj kunvenis por viziti kune la surboatan ekspozicion de sekcio de



## LA HOMAJ RAJTOJ.

En la monato de decembro proksima, oni festos tra la tuta mondo la deklaran datrevenon de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj.
La Sekretariato de UNESKO decidis presigi, tiuokaze, je siaj kostoj, Esperantan tekston sur specialaj afiŝoj rilatantaj al la Universala Deklaracio.
Kiam la afiŝoj estos pretaj la Centra Oficejo de U.E.A. en Rotterdam avertos nin. Kaj la Grupoj povos uzi tiujn afiŝojn dum prelegoj, aŭ en kiu ajn loko, okaze de la memorigo, kiun ili certe devus organizi.
La direkcio de U.E.A. ankaŭ atentigas ke estas nepre necese ke ĉiuj landaj asocioj, fakaj organizaĵoj, lokaj grupoj sendu almenaŭ kelkliniar leteron aŭ telegramon de solidareco al Unuiĝintaj Nacioj (United Nations, New-York) kaj al UNESKO (Unesco, 2, Place Fontenoy, Paris, VIIe ; telegrama adreso : Unesco, Paris).
Ĝi ankaŭ petas ke la Grupoj informu la direkcion pri la prelegoj aŭ paroladetoj, kiujn ili organizos, aldonante la nombron de ĉeestintoj, la nombron de artikoloj aŭ artikoletoj en Esperanto-gazetoj.
Ĉiu do, ĝustatempe pripensu la aferon . . . Kaj ekagu !

---

la Muzeo Grévin el Parizo. Post tio ili kune pasigis agrablan horon en apuda kafejo « Vlissingen », kie ankaŭ antaŭmilite la grupo dum kelka tempo havis siajn kunsidojn.
Dimanĉon 10an de aŭgusto, delegacio de la grupo iris al Bruselo por tie viziti la ekspozicion en ĉeesto de la postkongresantoj el la U.K. de Mainz.
Dum la sola oficiala kunveno de aŭgusto, kiu okazis la 12an en « Belle Vue », estis detale raportata pri tiu vizito al la ekspozicio.
**Programo de la venontaj kunsidoj :**
1e) sekcio de St.-Michiels: Ek de lundo, 15a de septembro, je la 8a vespere, en la komunuma lernejo : nova elementa kurso sub gvidado de Sro. R. Behaeghel.
2e) Grupo en Bruĝo: En la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or », Placo Simon Stevin, 2, Tel. 314.59, ĉiumarde je la 8a vespere :
**Septembro :** 2an: Kartludado; 9an: Lastaj aranĝoj por la ekspozicio, kiu okazos le 12an, 13an kaj 14an de septembro en la Koncertdomo, St-Jacobstraat; 16an: Nova elementa kurso, post kio: interkonatiĝa vespero. Dum la sekvontaj kunvenoj, ĉiam post la kurso, dum la dua horo; 23an: Muzika vespero; 30an: Raportado pri la ekspozicio de esperantaĵoj.
**Oktobro:** 7an: Parolata gazeto; 14an: Lastaj aranĝoj por la balo, kiu okazos sabaton, 18an je la 9a vespere en la salonego « Concordia »; 21an : Raportado pri la balo; 28an: Humoraĵoj.
3e) La starigo de plia sekcio de la grupo estas antaŭvidata en alia aŭtaŭurbo, verŝajne St.-Kruis, aŭ en skolta organizaĵo, kie Sro. R. Lagast espereble povos gvidi alian elementan kurson.

BRUSELO
**Reĝa Esperantista Brusela Grupo**
(Poŝtĉeknumero: 12.30.48)
La 7an de julio, S-ino M. Weyn prezidis kaj okazis la parolata ĵurnalo, dum kiu diversaj membroj prezentis interesajn legadojn.
La 14an, sekvis traduka vespero, dum kiu post diversaj komunikaĵoj estis komune tradukata cirkulero el franca lingvo.
La 28an, ankaŭ prezidata de S-ino Weyn, la amuza vespero estis anstataŭata de babilada vespero, dum kiu la membroj tamen dum du plenaj horoj bone amuziĝis.
La 4an de aŭgusto, S-ro Alex Wylie, eks-membro de la grupo rakontis pri siaj lastaj travivaĵoj kaj montris belajn bildojn el sia kara Skotlando.
La 11an, lasta tago de la postkongresa ekskurso de Mainz al Bruselo, kelkaj postrestintoj de tiu ĉi vojaĝo ĉeestis la kunsidon kaj estis tre interese aŭdi, rakontitaj de tiuj eksterlan-

daj samideanoj, kelkajn detalojn pri la 43a U.K. en Mainz kaj pri la Tejo-kongreso en Homburg (Saar).

La 18an, estis antaŭvidata komuna legado kaj ĉiuj ĉeestintoj legis folion el spritaj kaj interesaj libretoj pri la germanaj fervojoj.

La 25an, estis antaŭlegataj ekstraktoj el la libro « Miru, Pensu, Ridu » kaj pritraktataj elektitaj enigmoj pri kiuj la ĉeestantoj povis cerbumi. La kunsido estis ĉeestata de itala samideano, kiu rakontis siajn impresojn pri la Mondekspozicio.

**Programo de la venontaj kunsidoj**

**Septembro :** la 15an: Hispana samideano, S-ro Ramon Molera, prelegos pri « Hispanujo, Don Kihota Lando », kaj respondos al ĉiuj demandoj pri lia lando; la 22an: Perfektiga kurso, gvidota de S-ro van der Stempel; la 29an: Lovenaj gesamideanoj, F-ino Maryvonne Dehertoghe kaj S-ro A. Duchesne, prelegos pri sia « Vojaĝo al Jeruzalemo ».

**Oktobro :** la 6an: Parolata Ĵurnalo; la 13an: Sonbenda parolado de S-ro Sponar; la 20an: Perfektiga kurso; la 27an: S-ro Loeckx kantigos la ĉeestantojn.

**Novembro :** la 3an: Disdono de la premio por la parolata ĵurnalo. Unesco-datreveno; Dimanĉon: la 26an: jara Festeno.

CHARLEROI

**Karloreĝa Grupo Esperantista**

La monatoj de julio kaj aŭgusto estis por la Grupo du libertempaj monatoj cetere meritataj post plena jaro de kurso kaj laboro.

La 26an de aŭgusto, okazis la 1-a kunveno de la nova lernojaro, kiu komenciĝis per publika kurso en la lernejo de « La Digue », en Charleroi, kaj kiu, ni ĉiuj esperas, estos ankoraŭ pli fruktodona ol tiu, kiu finiĝis.

VERVIERS

**Esperantista Grupo**

La « Esperantista Grupo Verviers » memorigas la ceremoniojn okazontajn en sia urbo la 13an kaj 14an de decembro proksima, okaze de la Ora Jubileo de la grupo.

Estas la intenco de la estraro prezenti interesan kaj allogan programon, kiu aperos en la proksima numero de la revuo.

Ekde nun, la komitato regule kunvenas kaj kunigas la materialon necesan por proponi al la ĉeestantoj dutagan renkontiĝon vere agrablan.

Ke ĉiu pripensu do la eblecon ĝin partopreni. Komence de novembro aliĝiloj estos dissendataj.

## Korespondado

— Lida MICHNOVA, Dupz pri AZNP Mlada Boleslav (Ĉehoslov.) deziras korespondi pri ĉiuj temoj.

— Marko LATKI, Zagreb Crnĉiiĉeva, 38 (Jugosl.) deziras korespondi kun juna fraŭlino aŭ fraŭlo.

— Haraldur Johannsson, Shellvegur, 2 Reykjavik - Islando deziras korespondi.

## Prospekto

Aperis bela multkolora turisma faldprospekto pri la sveda urbo Malmö, kiun oni povas peti al « Malmö Turisttrafikförening, Malmö, Svedujo. Oni skribu en Esperanto kaj petu la esperant-lingvan broŝuron.



# RECENZOJ

**EL LA VIVO DE NETAŬGULO** de Joseph von Eichendorff, el la germana lingvo tradukita de Paul Bennemann. Eld. Limburger Vereinsdruckerei GmbH, Limburg/L., Germanujo. 19 × 12,5 cm. ; 140 p. karton., prezo gmk 4.80.

La ŝatanto de la literatura historio ĝenerale, de la germana romantiko pli speciale, bonvenigos la aperigon de tiu tipe romantika noveleto de la tipa romantika aŭtoro barono de Eichendorff (1788-1858).

La koncerna " netaŭgulo " ja ne estas iaspeca kanajlo, sed pli ĝuste la enkorpiĝo de la spirito de la tiutempa epoko kiu per fuĝo el la realo penas sin liberigi de la ŝarĝo de senkompata vivo. Lin naŭzas barakti en la griza ĉiutageco, li forkuras el senĉarma mondo en kiu nur la pandona laboro gravas, el kiu konstanta monzorgo forpelas ĉiun vivĝojon.

Li sopiras al la pli milda klimato de sudaj regionoj, al la lando kie floras la oranĝujo ; li vagas tra netuŝitaj arbaroj kaj krudaj italaj montoj, ekstaziiĝas pri fulmbrilaj sunleviĝoj kaj noktaj stelĉieloj, pie aŭskultas al muĝantaj akvofaloj aŭ plaŭdantaj fontanoj en sovaĝiĝintaj ĝardenoj. Li daŭre falas el unu mistera aventuro en alian, naivule, ne komprenante, aŭ miskomprenante, sed ĉiam feliĉa pro sovaĝa naturo kiun la homa emo al utiligo ne fuŝis. Preterpase li eĉ enamiĝas al la fajrecaj okuloj de bela grafino. Senĉese li kantas sian ĝojan senzorgecon, ĝin fojon post fojo tradukas per violonludado ; li dancas kaj dancigas, ploras pro emocio, revas, dormas kaj sonĝas. Li nur ne banale laboras. " Fakte mi havis . . . agrablan vivon kiel birdo en la aero, kaj tamen ne estis necese flugi mem. "

Kompreneble la leganto ne prijuĝu la noveleton laŭ pli nuntempaj kriterioj, li ne serĉu en ĝi pli profundan analizon de homa karaktero, nek esploron de okultaj potencoj de la subkonscio. Li eĉ ne miru, se la apenaŭ skizita amintrigo nur kiel delikata fadeneto kunligas la okazaĵojn kiuj spitas ĉiun verŝajnecon. Li nur memoru, ke en la fundo de ĉies koro sin kaŝas romantikulo kiu foje-foje bezonas eskapi la rigidecon de prema vivo, kaj li ĝuos la amuzajn konfuzerarojn de simplanimulo kiel ankaŭ la spritan manieron de la aŭtoro ilin prezenti.

Ke la tradukinto Paul Bennemann (1885-1954) estis akademiano ĝis nelonge antaŭ sia morto, garantias fidindan esperantigon. Fakte li kiel eble plej fidele sekvas la stilon de la originalo ; li skribas simple, klare, vivece, sen ia deziro por lingvaj akrobataĵoj. Male, emo al troa fideleco lin kelkfoie perfidas kaj diveniĝas la lingvon de la originalo.

La Lingva Sekcio de Germana Esperanto-Asocio kontrolis la Esperanto-tekston : jen plia garantio pri la taŭgeco de la lingvo.

Preso, bindo, desegnaĵoj estas vere laŭdindaj. Sufiĉos mencii la plej ĝenajn el la ege maloftaj preseraroj : (24) " lokoj " estu : kokoj ; (52) " relo " estu : reto. Kaj eble (129) " varmegite " estu : varmegigite, aŭ tutsimple : varmega pro.

Sume. La verketo meritas varman rekomendon. Ne nur ĉar ĝi estas ĉenero en la evoluo de la beletristikaj tendencoj, sed ankaŭ ĉar la facile legebla teksto vestanta ĉarman rakonton instigos la novulon al pli ampleksa konatiĝo kun la esperantlingva literaturo.

* * *

TRI SATIROJ. Radoje Domanović, Fran Milĉinski, Branko Ĉopić. Eldonis: Slovenia Esperanto-Ligo, Ljubljana, 1957. 40 p., 13 × 19. Prezo: 0,50 usona dolaro.

El tiuj tri satiroj de sudslavaj aŭtoroj la leganto sendube plej favore prijuĝos "Meditadon de ordinara bovo serba" kaj "Travivaĵojn de Nikoletina Bursaĉ". Ĉar eĉ se la naiva ironio de la simplanima meditanto ĝustadire celas la malplenkapecon de politikaj gvidantoj de ĉirkaŭ 1900, aŭ la tiaman frenezan ŝovinismon, ĝi bedaŭrinde ankoraŭ ĉiam restas aplikebla al la nuntempo. Similan procedon, sed enŝovitan en la pli freŝdatan kadron de la dua mondmilito, prezentas la Travivaĵoj, en kiu surprizas la kuraĝa konkludo de senpretenda partizano ke la armeo transpasas siajn rajtojn, per timiĝo altrudante sian vidpunkton sur kampo kuŝanta ekster ĝia kompetenteco.

Rimarkinde vigla konversacia tono karakterizas la stilon de la traduko. Kelklokaj parolturnoj tiel strange impresas, ke ili ŝajnas inspiritaj de la zorgo kiel eble plej fidele reprodukti stilkvalitojn de la originalo. Tiaj laŭvortaj tradukoj tamen ne estas ekskuzo por difekti la intergentan karakteron de Esperanto, eĉ se aldonitaj notoj klarigas ilian sencon. Rilate la korektecon de la lingvo la traduko ne ĉiam estas neriproĉinda, kaj la listeto de la korektendaĵoj avantaĝe povus esti iom plilongigata.

KRISTANA KULTURLABORO EN NIA TEMPO. De Erik Hj. Linder. Prelego ĉe tutŝtata kunveno de la svedaj liberaj Eklezioj tradukita. Eldonis: Esperanto-Missionen, Nora Stad, Svedujo. 1957. Broŝ. 28 p., 12 × 19; prezo: 1 sv. kr. aŭ 2 resp. kup.

La aŭtoro konstatas ke nuntempe "mirige malmultaj kristanoj sin okupas pri arto." Li rejetas la ideon ke tio sekvas el la fakto ke "la plej grava kultura kontribuo de la kristana eklezio tutsimple estas prediki evangelion al homoj por konvertiĝo kaj saviĝo." Li



emas kredi ke la ebla kaŭzo de la manko pli ĝuste estas ke "la nun ekzistantaj kristanaj grupoj ial fariĝis malpli konvenaj kiel kulturmedioj." Artistoj ja, kaj ĝenerale ĉiuj homoj kiuj kreas ion novan sur la kampo de kulturo kaj scienco, malŝatas la malnovan kaj la laŭkutiman; ili "provas eviti ĉiujn pretajn opiniojn, ĉiujn liniile rektajn direktivojn." Siaflanke "la katolika eklezio (kaj la angla alteklezio) sukcesis krei favoran kulturan medion." Do, se ankaŭ "la sveda kristanaro volas formi kulturan medion, tiam ĝi estu vigle diferencigita medio, ne uniformita tia", kiu "entenu ĉiajn celadojn kaj interesojn", konkludas la aŭtoro.

F. C.

* * *

« BELARTO » Literatura-kultura aldono al la revuo « Esperanto »; sama formato. Redaktoro: William Auld. 72 paĝoj; ilustrita, eĉ kun muzikaĵo. Prezo: 3,25 Ned. Guldenoj (13 steloj); por individuaj membroj de U.E.A.: 2,75 G. (11 st.)

La enhavo estas tre varia kaj ofte vere altnivela. Ni devas miri kaj admiri la laborkapablon de W. Auld kiu, flanke de lia alia laboro, ne nur redaktis, sed ankaŭ verkis prozaĵon kaj tradukis poeziaĵon. Kelkaj eble bedaŭros ke Dr. Lapenna uzis tiun publikigaĵon por polemiki kontraŭ Dr. W. Solzbacher. Sed aliflanke liaj konsideroj pri lingvo kiel socia fenomeno kaj pri la lingvo-evoluo estas tiel interesaj ke tiu kontribuo havos sian indan lokon en tiu kajero kaj pliriĉigas ĝin. Mi ankaŭ tute konsentas kun liaj argumentoj laŭ kiuj ni parolu pri Esperanto ne kiel pri « helpa » nek kiel « universala » lingvo, sed kiel la **internacia lingvo**. Ĉiu esperantisto legu kaj pripensu tiun parton kaj agu konsekvence. De la jam bonfama M. Boulton estas presitaj du verketoj kiuj ne mankas je originaleco. Ŝia teatraĵeto « 2056 » estis premiata en la belarta konkurso '56. E-ogrupoj povas ludi ĝin; ĝi ja estas apologio pri esperanto. Sed estas preskaŭ ne ago en ĝi; kaj tio estas malavantaĝo. Oni ankaŭ ne konsideru la argumentojn science tre seriozaj. La konsideroj de Edwin de Kock en Lia « Miraklo de la Esperanto-poezio » donas ideojn, plifortigas nin en nia konvinko kaj estas tial interesaj. Pli funda kaj pli ampleksa studo laŭ liaj iniciato kaj metodo estas konsilinda. Same interesaj estas la konsideroj de G. F. Makkink en « Ludadi sur Vulkano ». Sur la tereno de bildarto mi ĝojis trovi artikolon pri la Islanda pentristo Kjarval. Se ne per E-o, ni alie preskaŭ ne havas eblecon malkovri tieajn artbelaĵojn. Liaj reproduktitaj pentraĵoj estas belaj kvankam iagrade enigmaj. La poemoj estas preskaŭ ĉiuj (tre) belaj. La tre ofta elizio tamen ĝenas en la « Sceno el Faŭsto ». Kial ekz. « Magistr' nomiĝas mi, doktor' » (verslinio 9) se eblas: « Magistro estas mi, doktoro »? La elizio ne tiel ĝenas en la « Hispanaj Romancoj » kie ĝi pli fidele rekreas la romancon. La teksto de M. Boulton por la kanto pri la giganta statuo Memnon estas tre bela. Ankaŭ tre bela estas la « Donna Klara » de H. Heine en traduko de K. Kalocsay. Mi ankaŭ tre ĝuis la miniaturojn de Poul Thorsen kiu en la sama kajero tre sprite skribas pri « tiuj . . . poetoj » kaj pri « Tiuj . . . recenzistoj ». En tiu lasta prozaĵeto li atakas la malamikojn de la neologismoj. Mi, kiel malamiko de la neologismoj, devas ataki lin. Mi estas kontraŭ la neologismoj en literaturo. 1) La neologismoj sen ia dubo plimalfaciligas la lingvon (ofte ne necese). 2) Ili mallaboremigas niajn poetojn. Se ili ne tuj trovas ĝustan vorton ili rapide elektas novan el iu nacia lingvo. 3) La neologismoj estas-eble sen escepto-okcidenteŭropaj. Sed ĉu la kultura supremacio restos ĉiam en Okcident-Eŭropo? Imagu ke tiu supremacio transiras al alia mondparto kaj ke sama emo al neologismoj kaptas la tieajn samideanojn-verkistojn!?

Malfeliĉe tiu-ĉi « Belarto »-iom oficiala eldono ĉar venanta de UEA.-ŝajnas oficialigi kelkajn neologismojn kiel « lanto » (P. 11) « frido » (p. 13) « feble » (p. 14) verŝajne ĉar ili aperis en la « suplemento » (kial la vorto aldono ne estas bona?) de la P.V. ». Sed per kiuj motivoj pravigi « bizara » (p. 13)? Eble per la argumento ke baldaŭ devos aperi suplemento al la suplemento de la

**LA NAVIGANTOJ**. Faldfolio sespaĝa eldonita de LA NAVIGANTOJ, Orebro, Svedujo.

La Navigantoj, laika kristana ĉenmovado, studas la Biblion, ĝin konigas al aliaj por ilin konduki al Kristo, por gajni homojn kiuj siavice gajnos aliajn. Ilia opinie la nepre necesa rimedo por ekkoni la trezorojn de la Biblio estas la parkera ellerno. La esperanta fako de tiu movado disponigas kvarlecionan korespondan kurson " Prepara Bibliostudo ". Interesiĝantoj skribu al la eldonantoj ĉe la supra adreso.

**Du faldfolioj el Aŭstrujo.**

1) 4 paĝa kaj tre bele kolorilustrita prospekto pri la urbo Vieno. Demandu ĝin multe ! De tio dependas ĉu la urbaj instancoj daŭriĝos sur la vojo. Cetere la prospekto estas vera ornamaĵo. Adreso : Fremdenverkehrsstelle Stadiogasse 6-8 Wien.

2) 6 paĝa ilustrita broŝuro de la Aŭstriaj fervojoj. Tre interesa kun planoj. Adreso : " Oesterreichische Verkehrswerbung " G.m.b.H. WIEN.

Ambaŭ oni povas ankaŭ demandi al S-ro Steiner, Esperanto-muzeo Hofburg Wien 1.

---

Plena Vortaro ? Kaj « desaponto » kiun mi supozas esti la Franca désappointement ? Komprenebble nek « elreviĝo » nek « seniluziiĝo » povis doni la ĝustan nuancon de la sento de la verkisto ? ! Jam en la tempo kiam mi lernis la lingvon mi ege malŝatis vortojn kiel sojlo, orgojlo, ŝoseo ĉar ili aspektis tro sklave imititaj de Francaj vortoj. Kaj nun ankoraŭ desaponto. Kia teruraĵo ! Kvankam mi ne sistemo tralegis ĉion kion Dr. Lapenna skribis, mi havas tamen la impreson ke la ĝenerala sekretarion, kiu laŭ mi estas ankaŭ bona verkisto kaj stilisto, tre malmulte uzas neologismojn. Ni finu tiun ĉapitron ! El la enhavo mi ankoraŭ citas artikolon de nia kunlaboranto P. Biscan pri Monsinjoro J. M. Schleyer, la aŭtoro de Volapük. Mi forte rekomendas tiun-ĉi kajeron kiu entenas tre multajn belajojn kaj kies prezo estas modera.

* * *

Reinhold Conrad Muschler « La Nekonatino » novelo 66 paĝoj. Bindita. eld. Limburger Vereinsdruckerei LIMBURG Germanujo. El la Germana tradukis Ludwig Goppel. Lingva aprobata de la lingva sekcio de Germana E-o. Asocio. prezo : 3 Germ. Markoj.

Karaj gelegantoj, vi kiuj, kiel preskaŭ ĉiuj, bezonas regulan distriĝon kaj kiuj eble pro tio iras regule al kinejo, teatro, kafejo ; se vi havas ankoraŭ iom da emo por legi, aĉetu tiun libreton kaj legu ĝin. Vi pasigos tre sentoplenan (mi ne diras agrablan) vesperon. Vi estos kontenta havi ĝin en via biblioteko. Kaj vi relegos ĝin. Ke la literaturamantoj tre alte taksas ĝin pruvas la fakto ke ĝi estas jam tradukita en la Skandinaviaj, Angla, Itala kaj Franca lingvoj. La novelo antaŭmetas problemon. Ĝi montras junan virinon kiu ricevis stulte rigoran edukon, kiu nun ekstaris sola en la vivo kaj kiu multe atendas de tiu vivo. Nu, la feliĉo venas al ŝi. Sed estas nur por tre mallonga tempo. Ĉu ŝi devas esti dankema pro la kelkaj feliĉoplenaj momentoj ? Ĉu ŝi ne rajtas, kiel ĉiu, tutan feliĉan vivon ? Kion ŝi nun devas fari ? Ŝi pereas ! La problemo estas ne solvebla per iu ajn teorio aŭ sistemo. Ĝi nur trovas solvon en la formado de la personeco kaj en la kredo. La verketo iurilate pensigis min pri « Bruges-la-Morte » de Georges Rodenbach (« Bruĝo la Morta »). En ambaŭ estas kadro en kiu la figuroj troviĝas kaj kiu pliintensigas iliajn sentojn. Prezentado kaj lingvo estas modelaj. Nur, mi persone malŝatas la uzon de ĉi-ĉio kiu malbele kaj iom stulte sonas ; paĝoj 19-20-27-39 ; cetere tiu malbona sinsekvo de ĉi sonoj kulminas en la frazo « ĉi-ĉion ŝi sciis . . . » paĝo 10.

Drs. F. R.



# LISTO DE LA MEMBROJ-KOMERCISTOJ

## Antverpeno

**Presejo „Espero"**, Diannlaan 180, Berchem.

**W. Van Nereaux-Ameryckx**, Overdekte Markt, 22-24, Van Wesenbekestr. — Viandisto.

**Hugo Jacques**, Lange Beeldekensstraat, 25. Presajoj — Tel. 33.75.38

**„Schoenen BED"** (S-ino E. Bed), Lge. Gasthuisstr. 6. Ŝuoj — Tel. 32.62.86

**G. Faes**, Schoenmarkt, 16. Ĉiuj muzikajoj, instrumentoj, radio kaj gramofono — Tel. 32.67.21

**Roger Jaumotte**, Cyriel Buyssestr. 44, Anoncoj en tagjurnaloj. — Tel. 37.47.14

**K. Amerijckx**, Melgesdreef 40, Merksem. Centra Hejtado. — Tel. 45.81.07

**R. De Soete-Vanistendael**, Dambruggestraat 234, Okulvitroj — Rab. 5 %

**CL. Peeters**. Onderwijsstraat 68. Apotekejo — Tel. 35.40.67

**Firmo van Iseghem & Verstraeten**, St. Bernardse steenweg 631, Hoboken Vitrajoj — Speguloj. Tel. 37.88.20

**J. Van Nereaux**, Sterstraat 1. Viandisto — Tel. 39.55.81

**H. Peeters**, Vordensteistr. 58, Schoten. Inĝen. : Neonlumo, Reklamoj. Tel. 81.48.47

**Verdijck**, St. Rochusstraat 174, Deurne. Ĉiaj asekuroj kaj hipotekoj. — Tel. 39.06.07

**P. Peelman**, Volkstraat 34. Fumajoj — Pantofloj. — Tel. 37.62.55

**A. van den Neste**, Deurnebaan 30, Merksem. Presad-inkoj. — Tel. 45.78.59

**„In 't Duifken"** (S-ano Paesmans), Lge Koepoortstr. 64 : Kostumoj (5 % rab.)

**Vino Max Bolsius**, Diepestr. 58-60 : Kuirejilaro. — Tel. 32.57.85

**M. Philips, K.**, Rogierstr. 1, Antverpeno. Korsetoj — Rab. 5-10 % p.l. membroj.

**P. van der Hoydonck-van den Buys**, Kapelsesteenweg 549, St. Mariaburg Ŝuoj — Teksajoj — Mercerajoj. Tel. 74.27.86

**J. Montmirail**, Kortemarktstraat 53, Berchem. Arĥitekto. — Tel. 39.58.66

**Morris de Ketelaere**, Oostenstraat 25. Privataj lecionoj pri lingvoj, ankaŭ pri Esperanto. Tel. 39.17.09

**S-ino Henny Jacques-de Ketelaere**, Lange Beeldekensstr. 31. Gramofonaj diskoj por meminstruado. Tel. 33.75.38

**J. Van Hoof**, Marialei 7. Pentraj-entrepenoj — Tel. 39.35.33

## Bruĝo

**Marcel Poupeye**, Elf Julistr. 32.Ĉiaj asekuroj en la tuta lando — Tel. 371.93

**Charcuterie Strovi**, Vlamingstraat 38 (Teatroplaco). Viandvaroj. — Tel. 334.08

**Maison Joye**, Geldmuntstraat 29. Ĉemizoj, Gantoj, Kravatoj. — Tel. 332.75

**Firmo G. Verbeke**, Spinolarei 19 : Konstrumaterialoj. Speciale naturŝtono de Jura. Tel. 321.85

**Pan- kaj Kukbakisto R. Rosseel**, Mariastraat 30. Konsumsalono. — Tel. 338.34

## Bruselo

**M. Jirousek**, 104 rue du Téléphone; reklamoj kaj litertipoj — Tel. 18.77.67

**Farmaciisto Jacobs**, 94 rue général Eenens Bruxelles 3. — Tel. 15.26.01

**„Bonbons Swinne"**, 77 rue de Nieuwenhove. — Tel. 44.57.36

**Carrelages „Carrat"**, 19 avenue de Saxe. — Tel. 21.74.49

**KOMERCISTOJ kiuj senkoste propagandas por Esperanto per reklamoj en siaj butikoj**

**G. Baeten**, Belpairestraat 53, Berchem. Frizitoj por sinjoroj. — Tel. 39.22.81

**„De Boerinnekens"** (Clem. Van Hassel). Estro de la trinkejo en la Flandra Operdomo.

**A. Roels**, Montignystraat 155. Ledaj artikloj-Selisto. — Tel. 37.14.07

**Librejo Schuttershof**, Schuttershofstr. 36 : luo, aĉeto, vendo de libroj.

**Vojaĝ-agentejo Pier Busseti**, Frankijklei 32 : privataj kaj grupvojaĝoj.